# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## SABADELL: Kongresurbo por 1977



Placo de Doktoro Robert

N.º 219 - ENERO-FEBRERO, 1977

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, nº 13, 3º nº 7 - Telf. (91) 446 80 79 – MADRID - 15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galvany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 – BARCELONA - 14.
**Comité de Redacción:** D. Llibert Puig, D. Giordano Moya, D. V. Hernández Llusera, D. Gabriel Mora y Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis de Yzaguirre, D. Rafael Herrero.

---

## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Str.Rodríguez San Pedro, 13-3º,7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 – 7º
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 – 8º
MADRID-20

H.E.F.–Ĉekkonto: Nº 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
Pº Marina Moreno, 35 – 4º
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankau ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

---

## S A H A R O

Geamikoj, kiuj deziras scii pri la problemo de Saharo, skribu al:

AMIKA ASOCIO DE LA POPOLO DE SAHARO, strato Viera y Clavijo n-ro 34-30 H, LAS PALMAS (CANARIAS) (HISPANUJO)

Ni atendas viajn demandojn kaj vian helpon. Antaŭdankon.

# PRIKONGRESAJ SUGESTOJ

Llibert Puig

Estus tre rekomendinde, ke la estintaj L.K.K. (Lokaj Kongresaj Komitatoj) skribus por ĉi tiu rubriko siajn spertojn kaj sugestojn laŭcele pliboniĝi niajn Kongresojn jaron post jaro. Tiu ĉi ideo alvenis al mi danke al la unua kunlaboraĵo tiurilata de s-ano Ludoviko Hernández, sekretario de la Grupo "Fido kaj Espero" el Valladolid. Jen liaj proponoj:

" "la nombro da komitatanoj estos ne pli ol dek kaj ne malpli ol ses. Ĉiu el ili devas havi specifan taskon, kvankam kompreneble ili devas kunlabori ...

La programo devas aperi en "Boletin" kiel eble plej frue, kvankam ĝi estos nur provizora. Eldoni programon por propagandaj celoj en aliaj esperantistaj renkontiĝoj estas ankaŭ konvene ...

Kongreso estas ĝenerale bona okazo por informi la ĝeneralan publikon. Ni devas profiti la okazon publikigante en la ĵurnaloj de la urbo, kie okazas la Kongreso, artikolojn kaj notetojn, kiujn devas redakti aŭ membro de la L.K.K. aŭ membro de la redakcio de "Boletin"....

Artikoloj pri la urbo de la Kongreso devas aperi en "Boletin" laŭlonge de la jaro. Ankaŭ se eble, tradukitaj poezioj aŭ mallongaj rakontoj de verkistoj de la urbo. ...

Oni devas sendi al la ĉefaj internaciaj esperanto-revuoj noteton, kiu informos la datojn, urbon k.t.p. Tiamaniere la tutmonda esperantistaro estos informita pri la Kongreso ...

Se estas eble, kaj ĉefe en urboj kie ne estas Grupo, organizi dum la Kongreso rapidan kurson de Esperanto. Tiel la publiko povos iomete scii pri Esperanto ...

Por faciligi la laboron de la membroj de la L.K.K., ĉiu Esperanto-Grupo elektu personon, kiu devas kolekti la aliĝilojn kaj sendi ilin kunaj al la adreso de la okazonta Kongreso. Tion ni faras en Valladolid de antaŭ pluraj jaroj ...

Ni spertis, ke estas ne konvene okazigi la Fermon de la Kongreso tuj post la Ĝenerala Kunveno de H.E.F., ĉar tiu ĉi ne povas esti limigata, se ni deziras, ke ĝi estu bona." "

El ĉi tiuj spertoj ni sabadellanoj certe profitos en la organizado de la venonta 37-a Kongreso kaj tuj poste ankaŭ ni informos pri niaj spertoj. Ni esperas, ke la sumo de plurkongresaj spertoj efikos por la venontaj L.K.K. je la bono kaj prestiĝo de nia enlanda movado.

Ni atendas do la kunlaboraĵojn de la antaŭaj kongresurboj, El Ferrol, Lérida, k.c.

---

**XXXVII HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO (Sabadell 20/24 - VII - 77)**
**LOKA KONGRESA KOMITATO:**

| | |
|---|---|
| Prezidanto | Liberto Puig Gandía |
| Vicprezidanto | Giordano Moya Escayola |
| Sekretario | Luis Serrano Pérez |
| Kasisto | Pedro Soler Miró |
| Voĉdonantoj | Santiago Torné Grau |
| | Pilar Armengol Furriols |
| | Mª Jesús Molina Serrano |
| | Juan Ramoneda Canet |
| | Arturo Armengol Furriols |

PROVIZORA PROGRAMO:

**Merkrede 20-a de julio (posttagmeze)**

Distribuado de dokumentoj
Interkona vespero kun balo kaj eble Arta Festivalo

**Jaŭdo 21-a de julio (matene)**

Inaŭguroj de ekspozicio kaj Kongreso
Oficiala akcepto en la Urbodomo.– Popoldancoj

(posttagmeze)

Laborkunveno de H.E.F. kun delegitoj de Grupoj
Fakaj laborkunvenoj
Prelego kastillingva
Koncerto (aŭ Arta Festivalo)

**Vendredo 22 a de julio**

Tuttaga ekskurso: matene Monistrol kaj Montserrat
posttagmeze S. Sadurní (vizito ĉampankeloj) kaj S. Pau d' Ordal (vizito Muzeo de Esperanto kaj disdono medalo Klara Silbernik).

**Sabato 23-a de julio**

Ekzamenoj de Esperanto
Vizitoj muzeoj Sabadell kaj Tarrasa (eble teksaĵfabriko)
Generala Kunveno de H. E. F.
Esperantlingva prelego
Arta Festivalo (aŭ koncerto)

**Dimanĉo 24-a de julio**

Meso en Esperanto
Fermo de la Kongreso
Bankedo kaj adiaŭo

# Tradukita literaturo

## PRI TIO, KIO OKAZIS AL IU BONA VIRO KUN SIA FILO

Iu terlaboristo havis filon, kiu posedis sagacan kaj subtilan intelekton. Ĉiufoje, kiam la patro intencis iun ajn negocon, la filo avertis lin pri ebla kontraŭa rezulto ol oni povis imagi. Tiamaniere la filo apartigis lin el kelkaj aferoj, kiuj povus favori lian proprajôn. Konvenas ne forgesi, ke la plej lertaj junuloj, iufoje estas kiuj suferas pli da eraroj, se ili ne havas apude spertplenajn personojn, kiuj ilin konsilu en la decidaj momentoj. Kaj tiu ĉi juna filo eraris tiom da fojoj, ke lia patro por puni kaj ekzemplodoni lin pri la maniero kiel oni devas procedi en la vivo, iun tagon diris al sia filo:

—Atentu. Morgaŭ ni iros en la Bazaron. Ni alkondukos la azenon tial, ke je nia reveno, ni devos kunporti kelkajn komercaĵojn; pro tio, ĝi estos al ni utila.

Tuj kiam ili jam estis pretaj, ili ekmarŝis. Ambaŭ iradis piede sur la vojo, kaj baldaŭ ili trovis kontraŭmarŝantajn vilaĝanojn, kiuj interflustris kaj ridis pri la du aliaj, pro tio ke ili marŝadis piede, dum, la azeno vojiris neŝarĝita. Tiam la maljuna patro konsultis la aferon al sia filo. Tiu ĉi respondis, ke la vilaĝanoj estas pravaj, ĉar ne ŝajnas bonsence marŝi ambaŭ piede dume la besto iras sen ŝarĝo.

Tiam la patro decidis, ke la filo rajdu sur la azeno, Sed aliaj kamparanoj, kiu vidis ilin pasi, ankaŭ mokis pri ambaŭ, tuj kiam rimarkis, ke la maljuna homo, tute laca marŝadis piede, kaj la junulo, fortika, rajdadis komforte sur la besto.

— Kiel ŝajnas al vi tio. Kion opinias ĉi tiuj novaj murmurantoj ?
— Ŝajnas al mi, ke ili pravas.

Nun la maljunulo ordonis al sia filo, ke li malsupreniru el la azeno, kaj la patro ekrajdis sur ĝi.

Post kelkaj momentoj, ili renkontis aliajn vojirantojn, kiuj kompatis la junulon, kaj komentis, ke li estas malforta por marŝi per siaj piedoj, kaj, kontraŭe, maljunulo estas pli kutimita suferi kaj piediri longe.

La patro denove demandis al sia filo:

– Kiel ŝajnas tio al vi?
– Tio, kion ili diras, estas veraĵo.
La maljuna terlaboristo ne plu komentariis pri tio, sed li petis al sia filo ke ankaŭ li supreniru sur la azenon.

Irante tiamaniere, ili renkontis aliajn homojn, kaj ĉi tiuj novaj kritikemuloj komencis diri, ke ambaŭ faras grandan eraron rajdante samtempe tiom da tempo sur tia malgrasa besto, kiu verŝajne, pro la granda pezo, kiun ĝi devas subporti, renversiĝos.

– Kion vi opinias pri ĉi tio, mia filo?
– Mi opinias, ke ankaŭ ili pravas.
Tiam la patro alparolis al sia ido tiamaniere:
— Atentu, filo: ni bone scias, ke kiam ni eliris al nia domo, ni ambaŭ marŝadis piede kaj la azeno iradis sen ŝarĝo; kaj vi tiam diris, ke tion vi trovis bona. Poste, ni renkontis kamparanojn, kiuj ridegis pri ni, kaj tuj mi rajdigis vin sur la azenon, dum mi sekvis piede mian marŝadon; ankaŭ ĉi tio ne malbone ŝajnis al vi. Pli poste, ni vidis aliajn virojn, kiuj same ridegis pri ni; pro tio, vi denove malrajdis por ke mi supreniru sur la azenon. Kaj vi tre kontenta diris, ke tia solvo estas la plej bona; sed aliaj vojvenantoj asertis, ke ni ne havas encefalon. Tiam mi ordonis al vi, ke ankaŭ vi ekrajdu sur la azeno kun mi, kaj tion vi konsideris plej logika. Kaj finfine, tiuj lastaj kamparanoj, kiuj vidis nin tiel, interflustris kaj mokis pri ni, pro tio, ke ambaŭ rajdas sur la besto, jam preskaŭ tute kripla; kaj vi ankaŭ rediris, ke ili pravis. Nu, mi petas, ke vi klarigu al mi, kion mi devas fari por ke oni ne kulpigu nin kvazaŭ ni ne havas saĝon; kion diros al ni la novaj vojvenontoj, kiujn ni preterpasos ĝis la fino de nia vojaĝo?

Pri ĉio, kio okazis al ni hodiaŭ, mi volas ke vi prenu ekzemplon, ĉar ĝi estos necesa por tio. kio povos al vi okazi pri la bieno kaj ĉiuj viaj havaĵoj la tagon kiam mi forpasos. Pro tio, mi devas diri al vi anticipe, ke neniam vi solvos aferojn, kiuj al ĉiuj ŝajnos pravaj; ĉar se vi saĝe agas, la personoj al kiuj interesas la malon, ili malbone parolos pri vi, kaj se via solvo ne estas grava, la bonaj personoj aŭ tiuj kiuj sin konsideras tiel, neniam diros, ke la malbonaĵo, kiun vi farus, okazis pro eraro. Tial, mia filo, en tiu ĉi mondo, la plej prudenta maniero por agi estas fari tion kun la orelo atenta al nia konscienco, kaj preterlasi kelkajn babilemulojn, kiuj, tre ofte, ne plu zorgas pri sia propra bono kaj pri sia propra komforto.

(El "La Grafo Lukanor". Ekzemplodonaj rakontaĵoj verkitaj de la reĝido Juan Manuel.)

**Tradukis M. Cantalapiedra**

Iom pri la aŭtoro: Reĝido D. Juan Manuel naskiĝis en Escalona (Legu: Eskalona) je 1282 kaj forpasis ĉe Kordovo en 1348. Lia prozo estas bela ekzemplo de la aristokrata kaj minoritata arto. Inter siaj verkoj, elstaras "La libro de Patronio aŭ de la Grafo Lukanor", unu el la rakontoj tie enhavataj estas ĉi tiu, kiun ni oferas al niaj legantoj esperante.




*Estu tiel laŭ via volo, Sinjoro.*
*Plenumita estu via sanktega volo.*
*Se via deziro estas ke mi inter rozoj*
*ridu ĉe la matenruĝoj de la vivo,*
*fariĝu via dia volo.*
*Se via deziro estas ke mi inter kardoj*
*sangumu ĉe la ne penetreblaj ombroj*
*de la senfina nokto,*
*via parolo estas la unua kaj lasta.*
*Mi dankas vin se vi donas lumon al miaj okuloj,*
*se vi metas en ilin blindecon, mi ankaŭ dankas.*
*Mi dankas pro mia tuto, pro mia malpleno.*
*Fariĝu via dia volo.*
*Plenumita estu via sanktega volo.*
*Estu tiel laŭ via volo, Sinjoro.*

*El Juan Ramon Jimenez, tradukis Johano Velez*

---

# SOLECO

*Iom post iom mi restis tute sola.*
*Senpercepte iom post iom.*
*Bedaŭrinda estas la situacio*
*de tiu kiu priĝojis bonan akompanon*
*kaj ĝin perdis pro tio aŭ alio.*
*Mi plendas pri nenio: ĉion mi havis*
*sed sen atendata kialo*
*Kvazaŭ arbo perdanta unu post unu ĉiujn foliojn*
*mi restis tute sola iom post iom.*

*El Nicanor Parra, ĉilia poeto 1914, tradukis Johano Velez*

# esperanto kaj turismo

Herminia.

Kiam mi estis knabino tre plaĉis al mi vojaĝi, sed ĉar tiam mi ne povis fari tion, mi lernis Esperanton kun la celo koni mondon kaj la homojn.

Tiamaniere, oni realigis la eldiron "Mi ne povas iri tra la mondo, tamen la mondo venu ĉe mi per Esperanto". Vere tion mi realigis, ĉar mi ricevis korespondaĵojn de 162 lokoj el la kvin kontinentoj.

En la lastaj jaroj, feliĉe, ŝanĝiĝis tia situacio, kaj mi vizitis 16 eŭropajn urbojn el kvin landoj. La lasta vojaĝo en eksterlando estis por partopreni la Italan Kongreson de Esperanto en Triesto, pasintan jaron, danke al la invito de esperantistino de tiu urbo. Pri tiu vojaĝo nun mi rakontas ion.

La vojaĝo okazis per trajno ĝis Triesto, kaj sur la vojo, mi tranoktis en la franca urbo Nico, en hotelo kies gezorgantoj estas tre bonaj esperantistoj. Malgraŭ ke la Itala Kongreso estis nacia, ĉeestis pli ol 65 eksterlandanoj el 9 landoj; mi estis la sola hispan(in)o, kiu partoprenis kaj la kongreson kaj la Trilanda-konferencon en Koper (Jugoslavio).

La plej gravaj kaj interesaj aranĝoj de la Itala Kongreso estis:
La kunsido pri instruado de Esperanto en la lernejoj, "Teatra Vespero", tuttaga ekskurso al Aquilea, Grado kaj Goriza, ekskurso al kastelo Miramare per ŝipo sur la Maro Adriatiko.

En la Trilanda-Konferenco en Koper, mi ekskursis al la belega groto "Postojna". Poste, per aŭtoĉaro, mi veturis kun jugoslavaj gesamideanoj la urbojn Ljubljana kaj Zagrebo.

Reveninte Hispanujon, mi vizitis la urbojn Ĝenovo kaj Perpinjano, kaj denove, mi trovis gastemaj esperantistojn. Ĉiuj gesamideanoj, kontaktigitaj dum mia vojaĝo, estis tre afablaj kaj eĉ kortuŝaj; por ili miajn plej sincerajn dankojn.



**Grupo del kongreso en Italio**

# Sabadell kaj Tarrasa kune celebris la Zamenhof-Tagon

En la sidejo de la Sekcio de Esperanto de la "Sociedad Coral Juventud Tarrasense", tiu Sekcio kaj la Centro de Esperanto Sabadell, en kunlaboro, celebris la 19-an de decembro matene la Zamenhof-Tagon kaj samtempe la tagon de la libro en Esperanto. Ĉe la enirejo de la ĥora societo, oni disvendis esperantajn librojn, kaj oni evidentigis, per la multegaj libroj montrataj, la riĉecon de la esperanta literaturo.

En la ĉefa salono, plena de ĉeestantoj, Francisko Poses, prezidanto de la Esperantista Sekcio de la S.C.J.T., salutis la alvenintojn kaj skize rakontis la disvolviĝon de la esperantismo en Tarrasa, menciante, ke en tiu urbo okazis la unua postmilita Hispana Esperantista Kongreso.

Sekve, Giordano Moya reliefigis la fortegan volon de la personeco de Zamenhof, kiu jam ankoraŭ junulo kreis la lingvon. Lia plej persista agado estis diskonigi ĝin kaj krei la esperantistan movadon, sen kio, Esperanto estus nekonata abortaĵo. Ni devas, kun forta volo, daŭrigi tiun agadon ĝis kiam la esperantismo estos efika historia faktoro por unuigi la Mondon en paco.

La Infana Trupo de Centro de Esperanto Sabadell ludis kelkajn komikajn skeĉojn.

Post tio s-ro Manuel Delfa Méndez, prezidanto de la Delegacio en Sabadell de la Nacia Organizaĵo de Blinduloj el Hispanio, disertaciis pri la temo "Zamenhof Majstro kaj kuracisto de Blinduloj".

S-ro Delfa menciinte la malfacilaĵojn de la blindeco kaj la oftan malkomprenemon, kiujn ili devas suferi, plendis pri la manko de protektado al la blinduloj en nia lando, kompare kun la protektado en aliaj landoj. Li danke rememoris Brajlon, la aŭtoro de la tuŝa legado kaj skribado, kaj ankaŭ Zamenhofon, kiu per la kreo de Esperanto kiel Mondlingvo permesis la interkompreniĝon de la blinduloj fronte al la lingvaj baroj.

M. Delfa faris paralelecon inter Zamenhof kaj Kristo. Zamenhof, kiel okula kuracisto, kuracis multajn personojn, kiuj estus falintaj en la blindecon. Kristo precipe kuracis la spiritan blindecon. Kristo oferis al ni sian doktrinon, la Kristanismon. Zamenhof donacis la lingvon Esperanto por la interkompreniĝo de la homaro.

Sebastiano Chaler, jam naŭdektrijara, post la rememorado per unu minuto de silento pri la forpasintaj s-roj Criach kaj Viladoms, legis poemon kaj esprimis siajn opiniojn pri la lingvoj kataluna, kastila kaj esperanto.

Por ne ebla ĉeesto de s-ro P. Nuez, s-ro Frederiko Alberich sciigis la verdikton de la konkurso "Patronato Fundación Esperanto", subskribitan de s-ino Inés Gastón, transdonante la premion kaj belegan diplomon al la prezidanto de C.E.S., kies verdikto estis:

Unua premio: "Junulara Sekcio de HEF", (HEJS).
Dua premio: "Centro de Esperanto Sabadell".
Premio Mañez, al la Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid.

La infana Ĥoro de "Centro de Esperanto Sabadell", sub la gvidado de s-ino Magdalena Clerch, per kantoj en Esperanta kaj kataluna lingvoj finis de feston.

Frateca kunmanĝado en restoracio, gaje fermis tiun ĉi kunlaborantan omaĝon de la du najbaraj urboj, Sabadell kaj Tarrasa. Sekvinda estas tiu agado en la venontaj jaroj.

G. Moya

---

# KUNORDIGA KOMITATO EN KATALUNIO DE H.E.F.

Fruktodona kaj interesa estis la pasinta kunveno de K.K.K. de HEF. okazinta la pasintan 8-an de decembro en Sabadell. Kun granda ĉeesto de komitatanoj kaj reprezentantoj de la E-grupoj de Katalunio, preskaŭ 20 samideanoj, oni pritraktis la estontan agadon de nia K.K.K.

Resumante ĝin, certe oni povas konkludi, ke niaj urbaj kaj regionaj E-movadoj iom post iom atingas novajn sukcesojn, oni meritas mencii, ekzemple, la sendadon de taŭgaj informoj pri Esperanto al la plej gravaj revuoj kaj ĵurnaloj en hispana kaj kataluna lingvoj; apartan mencion meritas la raporto kaj informoj aperitaj en la revuo "ALGO" n-ro 311 aperita dum la unuaj tagoj de Decembro; plie, la jesan respondon de kelkaj radiostacioj elsendi kursojn kaj informojn de kaj pri Esperanto; la revivadon de forta kaj vigla junularo, kiu prenis sur sin la gvidadon de H.E.J.S.; la sukcesajn kontaktojn kun la aŭtoritatuloj pri la organizado de la 19-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo en Cornello, dum la tagoj 17 kaj 18 de septembro, kaj pri la 5-a Aŭtuna Junulara Esperantista Renkontiĝo, okazonta la tagojn 22 kaj 23 oktobro, ambaŭ aranĝoj post la Kongreso en Sabadeljo; la preparon de karavano pere de agentejo "MARSANS" por partopreni en la 62-a U.K. ĉe Islando, kaj ankaŭ la eblan organizadon de aŭtoĉara vojaĝo al la 33-a I.J.K. de TEJO en Poitiers, Francujo; ĉio dirite, montriĝas, ke nun jam fruktas la semo de niaj pioniroj, kaj ke nia lingvo internacia jam enpenetris la ĉiutagan vivon de nia kultura socio.

Sekretario

# 18 STRATOJ KAJ 1 PLACO

Motive de Esperantistaj Kongresoj aŭ Renkontiĝoj, okazintaj en diversaj urboj nialandaj, estis inaŭgurataj pluraj stratoj, el kiuj oni oficiale donis la nomon de Zamenhof aŭ Esperanto.

Pro la fakto, ke mi bedaŭrinde ne posedas precizajn informojn (1) por komplete kronologigi tiujn eventojn, jen kial ni devas provizore limigi ĉi tiun raporton al difinita regiono, la kataluna, pri kies stratoinaŭguroj mi pensas esti iom scia, ĉar ja ĉiujn mi persone ĉeestis.

Do, en Katalunujo, okaze de Esperantistaj Renkontiĝoj, estis inaŭgurataj stratoj Zamenhof aŭ Esperanto en ĝiaj kvar provincaj regurboj (2) Barcelono, Taragono, Lerido kaj Girono. Krome, aliaj katalunaj urboj ricevis la nomon Zamenhof aŭ Esperanto, ili estas: Vilafranca del Penedés, Manlleu, Sant Pau d' Ordal, San Feliu de Codines, Les Fonts, San Cugat del Vallés, Riells de Fai, Calella de la Costa, kaj Valls.

Nu , mi intence rezervis mencii la urbojn eble plej gravajn, kiuj situas laŭlonge de la tiel nomata "Fervojlinio Zamenhof", vojo por trajnoj de "RENFE" (3). Efektive, en rekta, 185 - kilometra distanco, troviĝas fervoja linio, kiu laŭvice kunigas la urbojn Barcelono, Ripollet, Sabadell, Tarrasa, Monistrol de Montserrat, Manresa, Cervera kaj Lerido.

Probable tiu fervoja linio, kies trajnoj funkcias tra ok katalunaj urboj, respektive posedantaj straton kun la nomo Zamenhof, estas senprecedenca fakto, unika en la tuta mondo. Se al tio oni aldonas, ke laŭ la "Enciklopedio de Esperanto" kaj ceteraj esperantistaj periodaĵoj tiutempaj, la unuan straton Zamenhof en la tuta mondo oni inaŭguris en Sabadell, la jaron 1912, kaj la unuan placon Zamenhof ankaŭ oni inaŭguris samjare en Tarrasa, ni, hispanoj, povas prave esti fieraj pri tiu pionira esperantisteco.

V. Hernandez Llusera

---

(1) La kompilinto danke kvitancos ĉiujn fotografaĵojn kaj informojn pri la menciitaj kaj ne menciitaj stratoj Zamenhof aŭ Esperanto ekzistantaj en Hispanujo, ĉar nia celo estas prepari fotoarkivon kum kompletaj informoj. Lia adreso: Avda Ej. Español 59, Sabadell.

(2) Provinca regurbo (urbo de rego, en kiu estas la provincaj aŭtoritatoj), pro kio ne taŭgas ĉefurbo (urbo de ĉefo-j-) nek ĉefa urbo.

(3) RENFE (ŝtata reto de Fervojaj linioj hispanaj ).

# "LA GRANDA

## □ FILMO DE CHARLI SPENCER CHAPLIN

Suno

Post 36 jaroj de ĝia unua projekciado, oni prezentis en niaj ekranoj, unu el la plej famaj kaj polemikaj filmoj de la elstata filmrolanto Charli Spencer Chaplin, titolita "La Granda Diktatoro", – en iuj landoj ankoraŭ ne estis permesita ĝia projekciado–.

Ĝenerale, ĉiuj filmkritikistoj, tre bone taksis la menciitan filmon, unue pro la mirinda rolo de la geaktoroj, due pro la tri dancetoj fare de Chaplin, trie pro la grava, saĝa, kaj humana kritiko per la filmo, kontraŭ la milito kaj pri la diktatoreco.

Tamen, ĝis nun la filmkritikistoj ne mencias en siaj komentarioj, du gravegajn faktojn.

Unue, la plej granda nombro de la nunaj spektantoj estas gejunuloj – nek olduloj, nek plenkreskuloj–; ili, ravitaj pro la lastaj minutoj de la filmo, emociitaj, kaŭze de la humana parolado de la ĉefa rolanto (Chaplin), leviĝas el la seĝo kaj aplaŭdas ĝis laciĝi.

La kinfaristoj ne komprenas aŭ ne deziras kompreni tion kio okazas; eble ili sin demandas, kial filmo realigita antaŭ ol preskaŭ 40 jaroj, emocias, kortuŝas, tiel-

# DIKTATORO"

grade nian nunan junularon? Kial aliaj filmoj pli aktualaj, kun gravegaj rolantoj, direktoroj kun similaj temoj, nur kaptas duongrade la intereson de la spektantoj?

Tio estas la miraklo de Chaplin; lia genieco estis tiel granda, lia filmo tiel bonfarita, ke ĉiu persono ricevas, sentas kaj komprenas la mesaĝon de lia filmo; samtempe spontanee aprobas la finparoladon de la ĉefa rolanto. Laŭ nia sincera opinio, ne estas nur tio kion oni diras, tio kio impresas multe la spektantojn de la filmo, sed dum kiaj cirkonstancoj —la temo de la filmo— la rolanto diras tion, pro tio vi permesu min, gelegantoj, ke oni ne estas rakontita nun, ĉi tie, pli pri la temo de la filmo.

La dua fakto tre menciinda, estas por ni, speciale tre ŝatata, kaj eble pli grava, Chaplin uzis Esperanton, pere de afiŝoj, indikoj kaj notoj, ĉe la menciita filmo kaj ne nur dum unu sceno, sed en multaj, pli precize dum ĉiuj scenoj, kiuj okazas en la juda kvartalo, nomante pere de esperantaj nomoj, vendejojn, aĵojn manĝaĵon, k.t.p.

Se tion meritas nia laŭdo, pripensu leganto(in)o dum kia dato Chaplin realigis sian verkon "La Granda Diktatoro"; pli malplidum la jaroj 1939 kaj 1940, epoko dum kiu en multaj eŭropaj landoj nia Internacia Lingvo kaj ĝiaj uzantoj suferis kruelajn persekutojn—tralegu ĉapitron 21, "Persekutoj kontraŭ la Internacia Lingvo" de la gravega verko ESPERANTO EN PERSPEKTIVO verkita de d-ro Ivo Lapenna—.

Tiel do, ne nur ni devas valori kaj gratuli la agadon de Chaplin laŭ la koncepto, ke li estis favora al Esperanto, ke li publike montris sian simpation pri nia Internacia Lingvo, uzante ĝin en la filmo, sed tion kio pli valoras de la kreinto de "La Granda Diktatoro" estas la oportuneco de lia agado, dum, unuj jaroj, kiuj unu parto de la civilizacia mondo persekutis Esperanton, dum la alia, preskaŭ silentis sian esperantismon.

Oni diras, ke la valoraj artaj kreaĵoj, nur post kelkaj jardekoj de ĝia kreado, montras sian veran kvaliton kaj grandan dimension kaj alstraran lokon ĉe nia kulturo. Nun kiam la filmagado de Chaplin finigis kaj ni studas kaj rigardas liajn filmojn, oni certe konkludas, ke vere, li plene sukcesis kaj, ke li sendube posedas la plej elstaran lokon en la KINO.

Gratulojn por Chaplin kaj por la agentejo, kiu okazigis la eblecon de la nuna projekciado de "La Granda Diktatoro".

# NOVJARA MESAĜO DE LA PREZIDANTO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

D-ro Humphrey Tonkin

La pasintaj du-tri jaroj instruis al ni multajn lecionojn. El ili, la plej klara estas la rimarkinda stabileco kaj interna forteco de la Esperanto-movado. Se necesus ankoraŭ pruvi tion, oni povus konstati, ke la Internacia Lingvo fariĝis neevitebla kaj nedetruebla fakto de nia epoko. La kulturo kaj socio de Esperanto estas firma elemento en la nuntempa internacia vivo.

Tio estas pli ol klara en la situacio de UEA mem. Tra ĉiuj perturboj de la tuj pasintaj jaroj, tra ĉiuj krizoj financaj kaj organizaj, UEA tenis la flagon alta kaj laboris diligente por konservi malnovajn gajnojn kaj prepari la grundon por novaj.

Nun ni komencas rikolti la rezultojn de tiu eksterordinara diligento —kaj ankaŭ lojalo — de nia centra stabo kaj nia membraro. En 1975 ni sukcesis registri pozitivan saldon post kelkjaraj deficitoj en niaj financoj. Feliĉe ni povas anonci similan rezulton en 1976.

Kvankam la finkalkulo ankoraŭ ne estas preta, estas jam nun informeble, ke 1976 ankaŭ estos jaro de financa pluso. Tiu restarigo de la financa stabileco ankaŭ havis siajn konsekvencojn ĉe la membro-nombro: post kelkaj jaroj da perdo, en 1976 ni registris malgrandan gajnon en la nombro de individuaj membroj. Se oni aldonas al tio la aliĝon de kelkaj novaj landaj asocioj kaj la signifan plivastiĝon de la kolektiva abonado de la revuo, oni tuj ricevas bildon de asocio pli sekura, pli forta, kaj pli laborpreta ol ni vidis jam de pluraj jaroj.

Dum la venontaj monatoj venos ankaŭ pliaj ŝanĝoj, interalie en reorganizado kaj plifortigo de la Centra Oficejo kaj rilataj instancoj.

Dum la pasintaj du jaroj ni jam faris kelkajn paŝojn tiudirekten, precipe per fondiĝo de la Volontula Servo. Ni povas antaŭvidi la formalan starigon de nova, aparta fako pri informado kaj esplorado dum la venontaj monatoj, la eldonon de nova libro-listo kaj aliajn elpaŝojn de la libroservo, kaj signifajn resultojn de la laboro de la Centro de Esploro kaj Dokumentado, kies plifortigita kaj modernigita revuo komencos aperi sub la nova vesto ekde la Nova Jaro.

Tiu eksvingo de agado ĉe UEA stimulas kaj spegulas rimarkindan plivigliĝon sur aliaj terenoj en kaj ekster la Asocio. La eldona agado, ekzemple, precipe pro signifaj kontribuoj el Britujo, Danlando kaj Japanujo, montras refortiĝon kaj novan vervon. Niaj kongresoj kaj aliaj renkontiĝoj denove allogas la esperantistojn en kreskantaj nombroj. La kuraĝigaj aliĝociferoj por Rejkjaviko estas nur unu atesto pri tio —kaj la impona nombro da aliĝintoj al la pasintjara TEJO-kongreso memorigas nin, ke precipe la junularo montras novajn fortojn. Ankaŭ la kampo de fakula interesiĝo pri Esperanto konstante firmiĝas — ne nur en Paderborn aŭ Budapeŝto aŭ La Chaux-de-Fonds sed ankaŭ en novaj lokoj kaj ĉe novaj homoj.

Estas bela periodo por labori por Esperanto. Kvankam la publiko restas skeptika, fermita en la propraj interesoj, ema al la propra prospero — iom post iom, malrapide sed senteble, ni lernas kiel alpaŝi ĝin kaj kiel disciplini nin mem en la intereso de la pli granda idealo. Cefe ni ankoraŭ devas lerni kiel konvinki la publikon pri la graveco de la lingva demando — pri la danĝeroj de lingva superregado kaj lingva diskriminacio, pri la kostoj de lingva diverseco, pri la neceso de tutmonda komunikilo — kaj en tiun kuntekston injekti la ideon de la Internacia Lingvo Esperanto, sola praktika solvo de la tutmonda lingva problemo. Por atingi tion, necesas rapide kaj decide plifortigi precipe nian informadon kaj niajn eksterajn rilatojn ĝenerale. Necesas ankaŭ daŭrigi la utiligon de la Volontula Servo, kaj persvadi al niaj membroj dediĉi sin intense al Esperanto pere de tiu servo dum periodoj de ses monatoj, naŭ monatoj, unu jaro.

Aparte gravas, ke niaj aktivuloj, kaj tiuj kiuj ŝatus fariĝi aktivaj, venu al la 62-a Universala Kongreso de Esperanto en Rejkjaviko. Islando ne estas nur interesega kaj unika lando (kiu meritas viziton eĉ nur pro tio), sed ĝi ankaŭ estos la loko kie ni fiksos nian agadon por la venontaj jaroj, elektos novan Estraron, kaj pridiskutos demandojn signifajn, precipe por la eksteraj rilatoj kaj estonta sukcesigo de Esperanto.

La jaro 1977 portos nin al punkto nur dek jarojn for de la unua jarcento de la Internacia Lingvo. Ĉu tiu dekjara periodo kondukos nin al la sojlo de sukcesigo de la heredaĵo de Zamenhoj ? Tio dependos grandparte de nia kapablo je sagaco, sindediĉo kaj efika laboro. La jaro 1977, la komenca punkto de tiu eventuale decida jardeko, alportu diligenton kaj laboron, sagacon kaj klarvidon, kaj feliĉon kaj finan sukceson al ĉiuj laborantoj por la Internacia Lingvo. Nome de la Estraro de UEA kaj ĉiuj aliaj aktivuloj en ties organiza strukturo, mi deziras al vi pacan kaj prosperan jaron 1977.

# IMITINDA ARANĜO

La Esperanto-Grupo "Fido kaj Espero" el Valladolid, okazigis, dum la pasinta jaro, regulajn paroladojn ĉiun lastan mardon de ĉiu monato.
Inter ili, ni reliefigas la paroladon de s-ro L. Hernandez pri "LA UTILECO DE LA DELEGITOJ DE UEA". Ĝi temis pri la vojaĝo, kiun li kun sia edzino efektivigis la pasintan someron tra Ĉeĥoslovakio, Hungario kaj Aŭstrio, elstarante la grava servo, kiun al ili faris la delegita reto de UEA.

Unue, per trankvila voĉo kaj per facila elokvento, li parolis al ni pri la origino de la delegita reto (Konsuloj laŭ la antikva nomo en la dua Universala Kongreso en Ĝenevo), kvankam, jam en la unua Universala Kongreso, oni sentis la neceson, ke libervolaj esperantistoj de la tuta mondo helpu unuj al la aliajn.

Li parolis pri la Jarlibro de UEA kaj ĝia utileco, kaj pri la kondiĉoj, kiujn oni devas plenumi por bone uzi tiun servon.

Poste, detale, li rakontis al ni la ricevitan helpon far la delegitoj de UEA en la vizitataj landoj, komencante pri Francujo, lando kiun ili devis trapasi por atingi Pragon, kaj poste en Hungario.

Tra lia parolado, ni vivis liajn travivaĵojn, ŝajnante al la aŭskultantaro kvazaŭ ni estus partoprenantaj en la vojaĝo.

Li finis la paroladon ricevante tondran aplaŭdon de la aŭskultantaro.

A. Diez

---

# U. E. A. KOTIZTABELO 1977

Kvankam la baza guldena kotizo por 1977 ne ŝanĝiĝis, okazis tamen pluraj aliaj ŝanĝoj rilate la kategoriojn de la individua membreco kaj alĝustiĝojn de la kotizoj en naciaj valutoj. Tial, estas konsilinde, ke oni, antaŭ ol pagi sian kotizon por la venonta jaro, atente trastudu ĉi tiun tabelon.

| | | |
|---|---|---|
| AM = Asocia Membro (koncernas nur aliĝintajn landajn sekciojn) . . . | 25 | Pesetoj |
| MJ = Individua Membro kun Jarlibro (kaj, ĝis 25 j., Kontakto) . . . . | 500 | " |
| MA = Individua Membro - Abonanto kun Jarlibro kaj Esperanto (kaj, ĝis ink. 25 j., Kontakto) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 1.250 | " |
| SA = Simpla abono de Esperanto, sen membreco de UEA/TEJO . . . | 750 | " |
| Kto = Abono de Kontakto, sen membreco de TEJO . . . . . . . . . . . . | 375 | " |
| DM = Dumviva Membreco kostas . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 31.250 | " |

# AKTOJ DE LA AKADEMIO

# (II) 1968-1974

CIRANO

Malgraŭ la ĝenerala opinio, akademianoj ne ĉiam dormetas, kaj, de tempo al tempo, ili konsilas, korektas, aldonas kaj, eĉ ... ŝanĝas.

Jen la pruvo de iliaj lastaj decidoj, plejparte jam publikigitaj sur P.V. kaj la P.I.V. Tamen ili konsideras ke siaj precizigoj meritas emfazan ripetadon.

Mi provos koncize enlistigi la ĉefajn sciigojn.

Ĥ perdas terenon, kvankam ĝi restas kvazaŭ postsigno de pratempoj.

Oni povas diri: **alkemio, arkaismo, arkitekturo, kemio, mekanismo, monarko,** kun iliaj derivaĵoj.

Ne pensu ke **vipero** estas **ero** de **vipo;** ĝi povas mortmorti vin, tiel **kiel vipuro.**

Vi diru: **"Mi kutimas matenmanĝi";** sed, ankaŭ: **"Mi kutimiĝis trinki brandon".**

Oni povas dedukti de **fotografi, fotografion,** kaj de **litografi, litografion.** Tamen, ne imagu ke la unua estas lando de fotografistoj, kaj la dua, nesto de litografistoj.

**Aristokratio** kaj **demokratio** rajtas kuŝi kune sur la paĝoj de vortaroj.

**Difterito** kaj **glikozo** cedas lokon al **difterio** kaj **glukozo,** pro lia simileco al naciaj lingvoj; do, uzado premas la etimologion!

Dum **garaĝo** estas veturilejo, **hangaro** estas granda metalĉarpenta ŝirmejo por aviadiloj kaj grandaj maŝinoj.

**Moskito** estas ĝena insekto, kies nomo evitas al latinidaj parolantoj uzi la kutiman postaĵan kvar literan nomon!

**Koncentri** ne havas geometrian signifon, sed densigan kaj kunvenigan: **"Koncentri trupojn ĉe landlimon".**

Oni devas diri **samcentra,** kaj ne **koncentra,** por signifi geometrian precizigon. **"Samcentraj cirkloj".**

**Kontesti,** kompreneble, ne estas respondi, kiel en hispana lingvo; ĝi signifas malakcepton de aserto, postulo aŭ establita situacio.

**Kurento** havas elektran signifon, dum **fluo** estas hidraŭlika. Tamen, ne diru **daŭra** nek **senfina kurento,** sed **kontinua,** tiel facile por ni, hispanoj.

Se vi sukcesis trafi **licencon** por stiri aŭton, gratulojn ! Sed vi ne trouzu **licencojn** verkante poeziaĵon verkante poeziaĵon ! Ne malobeu versfaradajn regulojn.

**Lubriki** estas grasiga aŭ glitiga preparo por mekanikaĵoj, kaj ne malĉasta agado.

**Mediteraneo** estas maro tiel poluciita kiel **Mezmaro.**

**Ministerio** estas la tuto de ministra organizaĵo, dum la tiea palaco aŭ domego estas **ministrejo.**

**Monarkio** estas la reĝimo regata de **monarko,** laŭ antaŭa precizigo.

Samvalora al **nulo** estas **nul,** kvankam malpli longa.

Kuracistoj **preskribas** medikamentojn, dum raportistoj **priskribas** eventojn.

**Proleto** forigas **proletarion**, eble ĉar proletoj devas labori kaj ne kanti **ariojn** dum laboro. Malpermesite!
Oni povas **riveli** foton, kiu **rivelas** pozon de belulino.
**Atlaso** estas maparo aŭ kartaro, dum unuflanke brila ŝtofo estas **sateno.**
**Stadio** signifas fazon aŭ periodon, kaj **stadiono** aŭ **stadiumo** estas sportejo.
**Tenera** ne estas same ol **mola.** Oni povas ami tenere kaj sidi malmole sur ŝtono.
Atentu bone! Ŝipoj elpelas **tonelojn,** sed kamionoj surportas **tunojn.**
Ne forgesu ke **vitoj** fruktigas **grapolojn,** konsistigitaj de vinberoj, kiujn vi povas nomi tute simple per facila nomo: **uvo.**

---

La Akademio klasigis la bazajn radikojn grupigante ilin laŭ ofteco kaj bezono. Tiu klasigo laŭ graveco, celas la sindetenon en lernolibroj kaj vortaretoj, en kiuj oni devas uzi nur komunajn vortojn. Estas ŝoke trovi en ŝlosiloj vortojn tiel nenecesajn kiel: **akcipitro, acero, ezoko, paruo, siringo,** k.t.p., kiuj ne rajtas esti enregistritajn en elementaj "lernolibroj".

En la 1-a grupo oni trovas 179 elementojn; en la 2-a, 100; en la 3-a, 121; en la 4-a, 151; en la 6-a, 241; en la 7-a, 289; en la 8-a, 456; en la 9-a, 727. En tuto: 2.418, kio havigas riĉan vortprovizon, konsiderinde ke, pro la modifeblo alportita de afiksoj, la uzebla materialo estas abundega.
Kelkaj akademianoj konsideras, ke la kvar unuaj grupoj estas sufiĉaj por infanaj komencantoj, dum aliaj opinias, ke almenaŭ ses estas necesaj por pli aĝaj personoj.
La enlistigo de la diversaj grupoj de bazaj radikoj okupus preskaŭ la tuton de nia Bulteno. Tamen, ni konsideros la eblecon prezenti ilin iom post iom, en sekvontaj numeroj.

# KONSILOJ DE LA AKADEMIO

Pri la refleksivo.— La refleksivaj pronomoj prezentas, foje, problemojn, ĉar, en certaj okazoj, diversaj subjektoj disputas la ĉefecon de la refleksivecon. La afero estas solvota konsiderante, ke la plej proksima, regas. Tiu subjekto ne ĉiam koincidas kun la gramatika subjekto de la tuta frazo.
Iafoje, la vera subjekto lasas sin vidi per enmeto de la vortoj "Kiu(j) est-"; ekz.: "Kastelo fama por sia historio", "Kastelo, kiu esas fama pro sia historio".
Ekzistas, tradicie, vortkunmetoj kaj frazeroj, en kiuj la refleksivo funkcias absolute sen rilato al la agsubjekto, ekz.: **"siatempe"**, k.t.p.
Tamen, tamen ... Nekonformiĝo en iaj okazoj, se el tio rezultas pligranda klareco, estas tolerata !Bonvena decido!

---

En la dua parto de la komunikaĵo de la Akademio, enestas la NEOFICIALAJ DECIDOJ. Tiklaj aferoj, kiel la **ata-ita,** landnomoj kaj pliaj konsideroj pri la uzo de refleksivoj estas pritraktataj, kaj ni raportos ilin en baldaŭa estonteco.

## RESUMEN DE CUENTAS DE LIBROSERVO DE H. E. F. – 1.976

| | |
|---|---|
| Libros vendidos en 1.976 . . . . . . . . . . . . . . . | 75.441,– |
| Valor de compra de los mismos . . . . . . . . . . | 56.879,– |
| Beneficio bruto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 18.562,– |
| Gastos generales . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 1.751,– |
| **BENEFICIO NETO** . . . . . . . . . . | **16.811,–** |
| Existencias en 1 de enero de 1976 . . . . . . . . . | 90.106,– |
| Beneficio neto de Libroservo en 1976 . . . . . . | 16.811,– |
| | 106.917,– |
| Entregado a la Caja de la Federación . . . . . . | 10.000,– |
| **EXISTENCIA EN 31 DICIEMBRE DE 1976 .** | **96.917,–** |

Madrid, 31 diciembre 1976
Félix Gómez Martín
Vice-Presidente de HEF y Encargado de Libroservo.

## ESPERANTO – EKSPOZICIO EN BARCELONO



FINE DE LA PASINTA JARO, LA ESPERANTO–FAKO DE LA "FOMENTO MARTINENSE" ORGANIZIS EN SI EJO GRANDAN ESPERANTAN EKSPOZICION. MULTAJ PERSONOJ PETIS INFORMOJN KAJ ANKAŬ ALIĜIS AL LA NOVA KURSO.

## RESUMEN DE CUENTAS DE LA SECCION EDITORIAL DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO – 1976

| | | |
|---|---|---|
| Saldo a favor – 1975 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | | 6.331,– Ptas. |
| INGRESADO: Por venta de material . . . . . . . . . . . . | | 9.980,– Ptas. |
| | | 16.311,– Ptas. |
| **GASTADO:** | | |
| En material, según nota presentada . . . | 14.232,– Ptas. | |
| Pago al Instituto Nacional del Libro . . . | 900,– Ptas. | |
| Correo, etc . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 1.166, Ptas. | |
| | 16.298,– Ptas. | 16.298,– Ptas. |
| **SALDO A FAVOR DE LA SECCION EDITORIAL . . .** | | **13,– Ptas.** |

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1976.
Inés Gastón

## FUNDACION "ESPERANTO"

# *Don Quijote Survoje!*

La tutmonde fama klasikaĵo hispana "Don Quijote de la Mancha" jam estas kompostata kaj aperos en la genia Esperanta traduko de Fernando de Diego, proksimume en junio ĉijara en formato 17,5 × 25, ilustrita, "Milskin"-bindita kun 670 paĝoj kaj ĝia proksimuma prezo estos 1.500 pesetoj por ĉiu ekzemplero. Por antaŭmendoj, kun samtempaj antaŭpagoj, ricevitaj ĝis la 30-a de majo, la dirita prezo reduktiĝas al 1.000 pesetoj.

Mendojn kun pagoj oni sendu al Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha. ZARAGOZA-1. Hispanujo.

## DONATIVOS PARA EL BOLETIN 1.977

| | |
|---|---|
| Liberto Fort. Rius | 150,– |
| Fabriciano Bermejo | 50,– |
| José Gispert Lluch | 50,– |
| Antonio Bohigas Ferrán | 100,– |
| Pedro Saumell. Vila | 350,– |
| Joaquín López Herrero | 100,– |
| Vicente Alfonso Díez | 50,– |
| P. Manuel Martínez | 50,– |
| Manuel Díaz Camacho | 300,– |
| Pedro Alcedo Rico | 100,– |
| Alberto Sánchez Sánchez | 150,– |
| Juan Martínez Mauri | 100,– |
| Manuel Ruiz Maza | 100,– |
| Pedro Chorro Aguilar | 250,– |
| Julio José Juanes | 100,– |
| Salvador Gumá Clavel | 50,– |
| José Sardá | 50,– |
| José Arroyo García | 260,– |
| Pascual Gil Figuer | 90,– |
| José Ferrer Serrano | 50,– |
| Jaime Rabell Jove | 50,– |
| Francisco Montia Martínez | 50,– |
| J. C. V. Twuiver | 100,– |
| Ernesto Roca Genesca | 50,– |
| Jaime Miró Giné | 50,– |
| Miguel Vilagrán Llorens | 50,– |
| José Ventura Freixas | 250,– |
| Jaime Aragay | 50,– |
| Carmen Argemí | 50,– |
| Agustina Roca | 50,– |
| Armando Asensi | 50,– |
| Fernando de la Puente | 50,– |
| Eduardo Larrouy | 50,– |
| Tomás Apraiz Riberas | 50,– |
| Cecilia Gutierrez | 50,– |
| Jacinto Martín Lozano | 100,– |
| Tomás Alberdi | 50,– |
| Salvador Aragay | 200,– |
| Luis de Otaola Faón | 50,– |
| Angel García Brañanova | 100,– |
| **Total** | **4.000,–** |

## SOCIOS PROTECTORES DE H.E.F. PARA 1.977

1. Alfonso Bernaldo de Quirós (2014)
2. Jesús Maynar Duplá (2196)
3. María Pí Cuchí (2197)
4. Institución Sindical de Málaga (1345)
5. Eleuterio Moreno García (998)
6. Pedro Saumell Vila (2175)
7. Fernando Manzanera Más (2405)
8. Joaquín López Herrero (2374)
9. Juan Moretó Raventós (2169)
10. José Arroyo García (893)
11. Juan Martínez Mauri (1433)
12. Manuel Ruiz Maza (40)
13. Julio José Juanes Sáinz (1035)
14. José Ramón López Tejerina (2340)
15. Juan Bosch Fornals (10)
16. Liberto Puig Gandía (499)

**Nota.**– Por error, que rogamos disculpe, el s-ano Liberto Puig Gandía (499) no figuró en la relación de socios, protectores de H.E.F. para 1976. Le hubiera correspondido el número 23 de orden. Será, pues, el "22 bis" del total de 28 socios que abonaron dicha cuota.

G.F.

---

## S. A. T.

La Katalunaj esperantistoj apartenantaj al Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) Kunvenis en Sabadell por pritrakti la disvolviĝon de la esperantista laborista movado.

Oni akordis la aliĝon de la kunvenintoj al la Asembleo Demokrata de Katalunio kaj la preparon de baldaŭa kunveno por la fondiĝo de Laborista Esperanto-Asocio (L. E. A.) en nia lando.

Estis diskutata la ebleco de SAT–Kongreso en Hispanio kaj la laborplano por enkonduki Esperanton en la sindikatajn medijon.

Se vi deziras koni pliajn detalojn, bonvolu skribi al s-ro Sebastián Ribes, str. San Pablo 60 Sabadeljo (Barcelono).

## 62-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Rejkjaviko (Islando) 1977 07 30 – 08 06

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam – 3002, Nederlando
Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Pósthólf 1081, Rejkjaviko.

---

## SUB ŜTATESTRA PROTEKTO

La titolon de Alta Protektanto de la 62-a Universala Kongreso de Esperanto akceptis la prezidanto de la respubliko Islando, d-ro Kristján Eldjárn.

---

## UNIVERSITATA KONGRESEJO

Kiel kongresejo de la 62-a UK servos la Universitato de Islando formanta kvazaŭ apartan kvartalon je 10-minuta piedira distanco de la urbocentro. La moderna koncertejo/Kinejo de la Universitato povas sidigi preskaŭ mil gastojn. En la sama kvartalo troviĝas la plej komforta hotelo de Rejkjaviko - hotelo Saga - kaj pluraj el la malpli kostaj hoteloj. En la hotelo Saga okazos la festaj aranĝoj de la Kongreso.

---

## OFICIALA ANTAŬKONGRESO EN SKOTLANDO

En la universitata urbo Stirling - ĉ. 30 km de Glasgovo kaj ĉ. 50 km de Edinburgo - okazos sub aŭspicio de UEA Oficiala Antaŭkongreso de mardo, la 26-a de julio, vespere ĝis sabato, la 30-a de julio, matene.
La antaŭkongresanoj loĝos kaj kunvenos en la Universitato de Stirling.

---



# Feminisma rubriko LA VIRINO

Forgesu ĉion pri la egaleco kaj ĉefe pri la rajtoj de la virino. Ni, virinoj, ne estas same rekonataj antaŭ la leĝo kiel la viroj!

Ni devas akcepti la viron kiel li estas. Ni devas forgesi liajn malvirtojn kaj nur admiri liajn virtojn. Li estas la estro en la domo.

Ni devas servi lin ĉiumomente, ni devas forgesi eĉ la alian mondon pro ke li estu feliĉa. Ni devas adaptiĝi al liaj kutimoj, same pri sportoj, manĝaĵo, kulturo, k.t. p.; oni diras tion genin, ĉar geni estos feliĉaj kaj vivos en paca hejmo.

Tiuj virinoj, kiuj parolas pri la virina libereco, nur estas virinoj, kiuj ne scias, kion fari la tutan tagon, ĉar se ili estus veraj virinoj, tio estas, edzino, patrino, kaj mastrino, ili *ne havus liberan tempon por pripensi tiujn stultaĵojn*. Sufiĉas, ke nur la viro sciu pri politiko, sporto, scienco, arto, financoj, k.t.p.

*Kial virinoj deziras scii pri tiuj intelektaj viraj problemoj?*

Nia laboro kiel virino en la domo, jam estas granda laboro, kiu ne havas fiksitan horaron, *do ni laboras dum 24 horoj.*



Jes, la virinoj multe laboras, tamen, ĉu *ni estas rekompencitaj ĝuste?*

Kiaj estas tiuj virinoj, kiuj sin nomas *liberaj virinoj?* Ĉu ili vere havas pacan kaj feliĉan hejmon? Ĉu ili vivas en harmonia familio? Io, kion la viro ne toleras, estas feministino; se iu feministino krias kontraŭ la ekspluatado de la *virino kiel "objekto"*, la viro, tuj pensas, ke tiu ĉi virino havas malrektajn gambojn. Se ŝi plendas kontraŭ la edziniĝo, li pensas, ke ŝi estas fifraŭlino.

Ĉu vi legantino opinias same pri la virinoj laŭ la supra artikoleto?

Ĉu vi opinias, ke la virinoj povas evolui en la nuna Socio aŭ unue oni devas intenci evoluigi la Socion?

Ĉu vi opinias, ke: estas la virino, kiu devas mastrumi aŭ devas mastrumi kune viro kaj virino?

Ĉu estas ĝusta la nuna diskriminacio, kiu atribuas al la viro superajn kondiĉojn disde la virino?

Karaj gelegantoj, mi estas treege interesita pri la feminismo, se ankaŭ vi opinias pri la antaŭaj menciitaj aferoj, sendu rekte al mi, s-ino Silvia Martínez, str. Bonavista 163, Sabadell, viajn ideojn, sugestojn, respondojn, konsilojn, k.t.p.

Oni regule aperigos paĝon (Feminisma Rubriko) kaj en ĝi, ni publikigos ĉion, kion vi sendos al ni.
Antaŭdankon pro via sincera kunlaborado.

Silvia Martínez

<u>GLOSOJ:</u>

**geni = ni, kun senco de viro kaj virino.**
**objekto = nur posedanta materiajn kvalitojn seksajn.**

# la kornoj de la bovo



Jen la Klarigoj pri la frazoj prezentitaj en nia antaŭa bulteno:

1.– XOJKOTO: aŭ Bojkoto aŭ Voj---koto.
2.– XULGARA: aŭ Bulgara aŭ Vulgara.
3.- XENKO: aŭ Benko aŭ Venko.
4.– RAXOXESTO: aŭ raBoBesto aŭ raBoVesto aŭ raVobesto aŭ raVoVesto
5.– DIXOCO: aŭ diBoĉo aŭ di---Voĉo.
6.-- XANA: aŭ Bana aŭ Vana.
7.– XENO: aŭ Beno aŭ Veno.
8.– XARBO: aŭ Barbo aŭ Varbo.
9.– XOKUZO: aŭ Bo---kuzo aŭ Vok---uzo.
10.– XOLO: aŭ Bolo aŭ Volo.
11.– SAXATO: aŭ saBato aŭ saV---at---o.

Ludoviko de Yzaguirre